# TABELO DE ENHAVO



***Ni atentigas ke la URL de la retejo de Mirmekobo ŝanĝiĝis.*** *La nova adreso estas:*

*http://web.me.com/donbroadribb1/donbroadribb1_Mirmekobo/*



*La Mirmekobo*
*(Vidu paĝon 32)*

# INVENTO RIMARKINDA

## PRAKALENDARKOMPUTILO EL ĉ.89 a.k.e.

Kompilis Donald Broadribb

En la jaro 1900 oni trovis sur la oceana profundo proksime al la insulo Antiktero en ŝipovrako tre rustan aparaton misteran.



La rustiĝinta, plej granda ero de la trovita mekanismo

La maŝino datiĝas de ĉ. 89a.k.e. Ĝia mekanismo konsistas el kompleksa sistemo de 32 radoj kaj plakoj sur kiuj estas indikoj de la signoj de la zodiako kaj de la monatoj. Studo de la fragmentoj sugestas ke temis pri ia astrolabo uzata por marnavigacio. La ĝenerale akceptita interpreto baziĝas sur la studoj de Profesoro Derek de Sola, kiu la unua proponis ke la mekanismo estas maŝino por kalkuli la moviĝon de la suno kaj la luno, t.e. inĝenia maŝino por determini la kalendaron surbaze de la suno-kaj-luno, kun ilia interrilato

(eklipsoj) kaj la moviĝo de la aliaj steloj kaj planedoj konataj tiuepoke. La mekanismo estis verŝajne konstruita de inĝenia mekanikisto el la skolo de Posidonio[1] en Rodiso.




Tridimensia rentgena bildo de la ero, farita per
mikrofokusa rentgenilo X-Tek 225kV en 2003k.e.[2]

Cicerono, kiu vizitis tiun insulon en 79/78 a.k.e. raportas ke tiaj aparatoj estis efektive inventitaj de la stoika filozofo Posidonio. La plano de la mekanismo de la antikiteraĵo ŝajnas sekvi la tradicon de la planetario de Arkimedo, kaj eble esti konektita kun la sunhorloĝoj. Ĝia funkciado utiligas dentradojn.

Sciencisto Derek John de Solls Price provis konstrui metalan modelon de la

---

1 Greka filozofo, ĉ.136-51a.k.e. naskita en la siria urbo Apameo, sed loĝanta en Rodiso.

2 Ĉe la urlo [URL] de Hewlett Packard sur paĝo titolita "Full Resolution PTM Downloads of the Antikythera Mechanism" troveblas fotaro de multaj eroj de la maŝino, kun rigardoprogramo kaj detaloj pri la "tridimensiigo" de la fotoj.

antiktera maŝino. Jen frua foto de lia rekonstruita mekanismo. →



Derek John de Solls Price kun sia frua rekonstruita modelo de la maŝino.

Post lia provo, multaj aliaj partoj de la mekanismo estis trovitaj:



Ekzamenado kaj penoj kompreni kaj rekonstrui la maŝinon daŭras ankoraŭ nun. Ekzistas diversaj provizoraj rekonstruprovoj:



Parto de la teksto sur malantaŭa rado de la maŝino




Pligrandigita foto de la antaŭaciferplato, rekonsruita de MichaelWright



Kelkaj aliaj partoj de la maŝino


Kaj ankoraŭ alia foto

Detala artikolo, verkita de Tony Freeth, pri la antiktera trovaĵo aperis en *Scientific American* decembro 2009. Sciencaj artikoloj pri la maŝino publikiĝis en la revuo *Nature* en 2006 kaj 2008.

Parto de la rekonstruita modelo de la maŝino:



La ĉisuba modelo estas aktuala rekonstruaĵo de la mekanismo; tiu rekonstruaĵo nun troviĝas en Nacia Arkeologia Museo de Ateno.



# NOVELO

## Sekso en la scienca liceo

de Sen Rodin (Italio)

La plej simpatia kaj amata klasano estis Otto Pastrobuĉi, blonda magra knabego alta preskaŭ du metrojn, lerta basketbalisto, pasiulo pri matematiko kaj filozofio, sed ĉefe malavara kompano ĉiam preta helpi la kunklasanojn. Li ofte organizis dancfestenetojn en sia granda apartamento, situanta apud la popola kinejo “La Konkordo”, kie ĉiumonate oni prezentis spican revuan spektaklon. Lia teraso flankis la malantaŭan muron de la kinejo. Unu metron sub la terasa nivelo malfermiĝis en tiu muro luko lumiganta la senvestejon-duŝejon de la dancistinoj. Ni ofte frekventis tiun terason, ekipitaj per periskopo de ni mem konstruita per kartono kaj du speguletoj. Per ĝi, kuŝante surventre sur la terasa planko, ni frandis la manovrojn de la senkulpaj artistinoj tute sensciaj pri la spionado. “Kial vi ĉiam restas surterase?” miris sinjorino Izadora. “Mmm, eee, ni observas la promenantojn”» ni diris, kaj ŝi regalis nin per sia rava rideto.

Fakte Otto ŝuldis parton de sia populareco al sia patrino, sinjorino Izadora Delaŭris, fascinanta belulino, verŝajne kvardekjara sed je niaj okuloj pli alloga ol dudekjarulino. Ŝi konkeris ĉiujn masklajn korojn de la Scienca Liceo “Amedeo Avogadro” — kvankam neniun virinan. En ŝi nestis io ekzota, madjara aŭ finna: alta flekstalia staturo, riĉa or-blonda hararo, spontana eleganteco, prononco iel rave fremde kantilenanta; sed ĉefe la rigardo enhavis ion komplice humuran, nur al vi rezervitan. Ŝian tutan estaĵon aŭreolis patricia etoso levanta ŝin super la komunajn mortalojn. Sendube elradianta personeco: kiam ŝi envenis, la salono subite pliheliĝis kvazaŭ je sunleviĝo.

Ŝia monduma aktiveco estis famekonata en Satandonja: okaze de inaŭguroj, premieroj, moddefiladoj, la gazet-kronikoj malofte forgesis citi ŝin (“*inter la ĉeestantoj oni notis sinjorinon Izadora Delaŭris en tualeto el ateliero Mastiron*”...); ofte ŝia nomo aperis eĉ en la mondumaj kronikoj de Milano, Florenco, Venecio ...

Sed definitive konkeris nin ŝia konduto okaze de la skandalo “*Sekso en la Scienca Liceo*”, kiu energie skuis la pian Satandonjan loĝantaron dum nia lasta licea jaro.

La geparo Sonja Petrini-Enriko Bonveniti estis iel la honorflago de nia liceo: ŝi, bela, altstatura knabino konsiderata stelulino de la urbaj liceoj, admirata kaj dezirata; li eleganta belulo, tenisisto, ne malpli ŝatata kaj sopirata de multaj aliseksulinoj — kaj verŝajne, sed sekrete, de iu samseksano. Aldone: ambaŭ

simpatiaj, bonkoraj, gajaj kompanoj. Kvankam lernantoj en du diversaj sekcioj (li en "B", ŝi en "A"), ili kunligis siajn sortojn jam en la unua jaro, kaj de tiam ĉiam restis kune: jam konsiderataj de ĉiuj — inkluzive profesorojn kaj pedelojn — kvazaŭ oficialaj gefianĉoj.

Fakte, estis preskaŭ neeble vidi ilin dise: ili alvenis al la liceo kune, foriris kune, eĉ dum la intervaloj ili atingis unu la alian kurante laŭŝtupare — ĉar la du sekcioj troviĝis ĉe diferencaj etaĝoj. Kaj se kelkfoje dum la lecionoj ili eliris de siaj klasoj kaj forestis iom longtempe, ĉiuj konsideris tion tute normala: evidente ili renkontiĝas ie por interŝanĝi vorton. Bonŝanculoj! Favorataj de la Sorto!

La domaĝa akcidento trafis ilin tute neatendite. La pedelo de la tria etaĝo — kie situis la "A" sekcio — malsaniĝis; alvenis portempa anstataŭiganto, magrega serpentumanta vireto verdvizaĝa, kun malica rigardo en la blue kadritaj okuletoj. Ek de la unua tago li rigardis nin kiel krimulojn, kaj ni lin kiel vipuron. Li atendis la okazon por mordi, kaj tio baldaŭ okazis.

Dum leciono pri mineralogio Enriko levis la manon kaj eliris. Neniu atentis. Post kelke da minutoj jen strangaj bruoj el la koridoro: kriĉoj, pordbatoj, kurantaj paŝoj ... Envenis Enriko laktepala, atingis sian benkon kaj sidiĝis en peza silento. Eĉ la instruistino interrompis sian parolon. Jen la pordo malfermiĝis, montriĝis la lernejestro severmiena. Li seke ordonis: "Sinjoro Enriko Bonveniti, bonvolu preni viajn librojn kaj veni en la sekretarejon." Enriko obeis, la lernejestro turniĝis al la instruistino:

"Nenio grava, vi povas daŭrigi la lecionon." Ili ambaŭ foriris, la pordo refermiĝis, ni restis gapantaj kiel strigoj kaj senmovaj kiel statuoj.

Je la eliro Enriko atendis nin sub la portiko kaj ĉio klariĝis. Li estis kune kun Sonja en la laboratorio pri fiziko, tiumomente dezerta, kiam eniris la vipura pedelo: li kriĉis, gakis, kriegis, kuregis al la direktejo, venigis la liceestron ... kaj jen la fina rezulto: la familioj tuj avertitaj telefone, Enriko kaj Sonja suspenditaj de la liceo dum du semajnoj!

La okazo, tuj diskonigata en la tuta urbo, vekis sensacion. Neniam antaŭe aŭdiĝis io simila! La loka ĵurnalo, "Satandonja Eĥo", sendis raportiston. La artikoltitoloj lanĉis "*Sekso en la scienca liceo Amedeo Avogadro*". La tuta urbo parolis pri la tikla skandaleto. La *Voĉo de Sankta Antono* — dusemajna revuo de la Baziliko — publikis severan rekvizitorion kontraŭ la "*Koruptiga malrigoreco en la ŝtataj liceoj*". Formiĝis du partioj. La bigota postulis ke la du kulpuloj estu poreterne ekskludotaj de ĉiu ajn lernejo de la lando — por doni ekzemplon, laŭ la ora devizo "frapu unu por eduki cent". La laika parolis pri ekspluatado de epizodo per si mem bagatela por agresi la ŝtatajn lernejojn kaj apogi la ekleziajn. La polemikoj kreskis kaj laŭtiĝis.

Tiam mobiliziĝis sinjorino Izadora Delaŭris.

Per argumentanta invitilo ŝi kunvokis la du klasojn kaj la koncernajn parencojn kaj instruistojn ĉe kafejon "La Heroldo". Pertelefone ĉiuj decidis akcepti, fidante al ŝia prestiĝa aŭtoritateco.

Fakte en la eleganta salono de la renesanca kafejo ĉeestis ĉiuj lernantoj de la du klasoj, dudeko da gepatroj, deko da instruistoj kaj pedeloj. Sinjorino Izadora prezidis kaj aplombe malfermis la asembleon kun tre serioza mieno.

"Gesinjoroj, mi dankas vin pro via ĉeesto. Ne necesas multaj vortoj . Ni ĉiuj konas la faktojn. Sonia kaj Enriko devis akordiĝi pri grava familia cirkonstanco. La patro de Sonia kuŝis ekde la mateno pro intesta bloko. Oni fiksis vesperan viziton ĉe internisto en Trevizo. La patro de Enriko ĝentile sin proponis por transporti la malsanulon. Ĉu mi ekzakte raportas?"

"Ekzakte tiel" konfirmis la patro de Enriko.

"Dankon. La junuloj devis akordiĝi pri la horo kaj maniero de la veturo. Ili ne povis vidiĝi dum la intervalo: Sonja devis kompletigi ekzercon transdonendan al la profesoro pri matematiko. Ĉu tiel"

Sonja kaj la profesoro konfirmis.

"Do la gejunuloj je la fino de la intervalo rapide akordiĝis por renkontiĝi post kvaronhoro. Tion ili faris. Por pli trankvile paroli ili eniris la laborejon pri fiziko, tiumomente neutiligatan. Ili apenaŭ ekparolis, kiam abrupte aperis ĉeporde la nova pedelo. Li ŝoke ekkriis kiel frenezulo kaj kuris alvoki la liceestron. Tiu alvenis, blinde kredis la ateston de la pedelo, tuj telefonis al la familioj de la du studentoj kaj suspendis ilin por du semajnoj. Ĉu ekzakte?"

La fianĉoj, la gepatroj, la lernejanoj, la instruistoj koruse atestis, ke ekzakte tiel disvolviĝis la eventoj.

"Dankon. Sinjoroj, la maldeca karnavalo — kiu nun paroligas la tutan urbon enkotigante la honoron de niaj gefiloj, de la liceo, de ni ĉiuj — originas do de du precizaj agoj: falsa denonco de pedelo, senpripensa decido de lernejestro. Estas nia nepra rajto kaj devo nin defendi. Ni estas tie ĉi por urĝe decidi la plej efikajn agojn!"

Ovacio.

Sekvis diskutado. Parolis la patro de Enriko: "Sinjoroj, ni ĉiuj estas plenkreskaj, ni evitu nenecesajn eŭfemismojn. La pedelo asertas, ke la gejunuloj estis koitantaj! Groteske! Ili eniris la laborejon antaŭ minuto. Ili ambaŭ vestis bluĝinojn. En la laborejo troviĝas nek lito, nek sofo. Ĉu surplanke? Sinjoroj, por tion kredi, ni devus supozi, ke ili estas grave seksmaniuloj! Ili ja geas ekde kvin jaroj. Ĉu kredeble, ke ili atendas kelkminutan renkontiĝon en laborejo de fiziko por akrobate amori, dum ili povas tion fari komforte ĉiutage en siaj hejmoj? Eĉ ne kunikloj povus tion

elpensi!”

Ridegoj, ovacio.

“Bedaŭrinde la liceestro tuj kredis tian absurdaĵon: li senhezite fidis al la fantazia aserto de anstataŭanta pedelo, dungita antaŭ kelkaj tagoj, dum rifuzis aŭskulti la deklarojn de niaj gefiloj, plenmeritaj studentoj de la liceo ekde kvin jaroj. El tiu ĉi eraro originas la tuta afero. Tion li devos pagi!”

Tre mallonge oni diskutis: ĉiuj samopiniis, ĉiuj sin deklaris pretaj alfronti la eventualajn elspezojn. Oni decidis dungi advokaton Ŝafineti: la fama Princo de la Forumo certe akceptos, konsiderante la bruon vekitan de la sensacia kazo kaj la renomon de la implikitaj familioj. Oni fiksis la venontan renkontiĝon, se eble ĉeeste de la advokato, kaj la asembleo fermiĝis en plena konkordo.

Febraj, ekscitaj, gloraj sinsekvis la sekvantaj tagoj. Ŝafineti prezentis al la tribunalo denuncon kontraŭ: la pedelo pro kalumnio; la liceestro pro misuzo de sia povo; la provinca lernejestro pro nesufiĉa kontrolo de la faktoj; la ĵurnalo kaj la revuo pro grava misfamigo. De ĉiuj li postulis plurmilionajn kompensojn pro moralaj damaĝoj.

La provinca lernejestro apenaŭ provis rezisti. Lia advokato, nesperta ŝtata flavbekulo, disponis pri unu sola armilo: la atesto de la anstataŭanta pedelo. Sed advokato Ŝafineti, pere de siaj lertaj enketistoj, malkovris ke tiu pedelo antaŭ kvin jaroj estis kondamnita al sesmonata enkarceriĝo — kun kondiĉa suspendo de la puno — pro senrajta alproprigo de didaktika ilo en teknika instituto.

“Ĉu vi pensas, ke la sola atesto de tia ulo estos kredebla kontraŭ la atesto de lernantoj, profesoroj, gepatroj, kuracistoj?” ironie demandis Ŝafineti al la flavbekulo. Tiu ĉi realisme rekonis, ke ne: neeble alfronti proceson en tiaj kondiĉoj. Do li kapitulacis.

Oni facile atingis eksterprocesan kompromison: estis nuligita la puno kontraŭ la du junuloj; la pedelo maldungita kaj denuncita pri kalumnio; la liceestro ricevis oficialan admonon kaj petis sesmonatan forpermeson pro malsano; la ĵurnalo kaj la revuo devis publikigi solenan dementon pri la diskonigitaj novaĵoj; la tre salitan honorarion de Advokato Ŝafineti devis pagi po egalaj partoj la provinca lernejestro, la liceestro, la du presorganoj, la pedelo. Pli poste oni eksciis, ke la parton de ĉi lasta pagis sinjorino Izadora, kortuŝita pro lia malriĉeco.

Tion sciiĝinte la urbanoj mokrikanetis kaj komentis “la veran veron konas nur sankta Antono en la ĉielo kaj la gejunuloj sur la tero ... sed pri tio neniu rajtas enmiksiĝi ... finkalkule ili neniun damaĝis ... kaj se la familioj estas kontentaj ...” Kiam oni eksciis, ke la pedelo estis enhospitaligita pro grava deprimiĝo, la urbanoj, sentante sin justuloj, komentis “nu, la viperulo ricevis tion, kion li meritis”. La pastroj diskrete silentis.

Por la liceo Amede, por la gefianĉoj, ĉefe por sinjorino Izadora Delaŭris estis triumfo. Ĝin oni celebris per solena festo organizita ĉe la kafejo “La Heroldo”.

Ekde tiam ni preskaŭ ĉiusabate dancis ĉe Otto, varmigataj de la suna rideto de sinjorino Izadora kiu malavare regalis nin per frandindaj sandviĉetoj, buterbulkoj, salbiskvitoj, glaciaĵoj kaj senalkoholaj trinkaĵoj. En la vasta apartamento troviĝis koridoretoj, salonetoj, ricevĉambroj, studejoj, ĉiuj elegante aranĝitaj laŭ moderna sveda stilo.

En malproksima ejo — duonluma legoĉambreto tegita per librobretaroj — sidis en antikva fotelo Inĝeniero Marko Pastrobuĉisto, edzo de Izadora kaj patro de Otto. Li legadis krimromaneton kun flava kovrilo, kaj de temp' al tempo sorbetis brandoguton el botelo staranta surplanke. —

---



Julja 'Sigmond kaj Filippo Franceschi (Sen Rodin) je sia geedziĝo 2009/09/09

# Serbaj fakuloj neas la daton de rekonado de Kristanismo

de S. Bojović, tr Jadranka Mirić la 5an de decembro 2009 (Serbio)

## Eŭropo estas devojiĝinta!

“La unua edikto pri tolerado de kristanismo estis aprobita du jarojn antaŭ la aprobo de la dokumento de Milano”, diras la direktoro de muzeo en Zaječar.

Kvankam Eŭropo grandskale preparas sin por festi 1700 jarojn de rekonado de Kristanismo, la serbaj fakuloj asertas ke la unuan edikton pri tolerado de Kristanismo fakte estis aprobita du jarojn antaŭe!



En Vieno jam komenciĝis organizado de la festo okaze de 1700 jaroj de la Konstantina Milana edikto[1] pri tolerado de Romianoj al la kristanaro. Por tiu festo estas elfarita ormonero kies diametro estas kvar metroj. Ankaŭ la serba prezidento Boris Tadiĉ invitis Papon Benedikton XVI viziti Serbion. La Direktoro de la zaječara muzeo, s-ro Bora Dimitrijeviĉ, diras ke ekzistas originala kopio kiu kontestas tiun daton, kaj ke Serbio bezonas reagi por atentigi la mondpublikon por ke oni komencu la festadon en 2011!



“La unuan edikton donis la romia imperiestro Galerio,[2] kiu konstruis Felix Romulianon, apud la urbo Zaječar, la 30 an de Aprilo 311k.e. en Nikomedio (la hodiaŭa urbo Izmir en Turkio), du jarojn antaŭ ol Konstantino. Laŭ vortoj de s-ro Boro Dimitrijević: ekis projekto “Koreni evropskog hrišćanstva, u susret 2013 godini” (“*Radikoj de eŭropa kristanismo fronte al 2013 jaroj*”) en kiu partoprenas muzeoj el ĉi-tiuj serbaj urboj: Pirot,Vranje, Leskovac, Niš, kaj Knjaževac. Ilia tasko estas konigi al la publiko la faktjn supre menciitan, kiel ili jam faris al fakuloj de Grekio, Francio, Turkio, Germanio kaj Italio.

La skriba pruvo pri la Galeria edikto estis konservita en la verko de

---

1 Edikto de Flavius Valerius Aurelius Constantinus Augustus, ĉ. 272-337k.e. Sola imperiestro de Romio ekde 324k.e. Lia edikto de Milano datiĝas 313k.e.

2 Gaius Galerius Valerius Maximianus, Romia Imperiestro 305-311k.e. Naskita en Felix Romuliana (= Gamzigrad, Serbio).

Laktantio[1] “De mortibus persecutorum” el la 14-a jarcento. Ankaŭ troviĝas publikigitaj sciigoj en “Historio de Kristanismo” de Episkopo Eusebio[2], kiu notadis la historion de frua kristanismo dum la Romia imperio.



Episkopo Eusebius Pamphili 263-339k.e.

---



Chen Forng-shean, en Tajvano, ĉizis la ĉi-supran tigron, kiu altas nur unu milimetron, el rezino, por atengigi pri la Jaro de la Tigro, komenciĝinta la 14an de februaro. Li dediĉis kvar homojn da laboro ĉiutage dum tri monatoj, por fari la skulptaĵon. (La foto libere troveblas per la Interreto.)



Du pando-skulptaĵoj sur kudrilo, ankaŭ faritaj de Chen Forng-shean

---

1 Lactantius, *De Mort. Pers.*, ĉ. 48. opera, red. 0. F. Fritzsche, II, p 288 l/s/. (Bibl Patr. Ecc. Lat. XI).

2 Episkopo Eusebius el Nikomedio, kiu baptis Konstantinon en la jaro 337k.e.

# ENIGMOJ

de Viglo

Solvojn oni trovas sur paĝo 31

**VOKALA ŜANĜO**—*Trovu la unuan vorton, kia per nura ŝanĝo de iu ajna vokalo estigas la duan.*

(**Ekzemplo:** Organo – Orgeno)

La unua ĉefa ago de viro
estas rezulto de bona manĝado.
Sed la dua, simile grava,
kronas ĉiam am(or)on pasian.

**DIVENLUDO**—Fierema fortikulo

Vi vidas min ja tute enfermiĝi,
kiel fieregulo certe supozante,
sed certu ke tujtuje mi jam pretas
la kontraŭulon frape neniigi.

**DIVENLUDO**—La espero

Ĝin posedante vi serene certas:
sekura rifuĝejo garantiatas.
Sed, ĝin bezonante, tuj vi rimarkas
pri ĝia perdo – do ĉiu ajn aliro
al via interna mondo malebliĝas –
tiam serĉu ĝin, ĉar tute nepre endas
la retrovo.

**CERBOTIKLILO**—Tricifera sumo

| | | | |
|---|---|---|---|
| C | 1 | A | + |
| 3 | B | 0 | + |
| 1 | 1 | 3 | = |
| B | A | C | |

Kiujn unuciferajn nombrojn oni devas anstataŭigi, laŭ logika kriterio, al la tri literoj en la supra sumo? (La literoj ne povas alpreni la ciferojn 0, 1, aŭ 3; plie, la suma rezulto devas esti tricifera nombro.)

## PRAKTIKA FILOZOFIO-PSIKOLOGIO

# Kiel pli efike diskuti dum kunveno, kiel pli bone pensi?

artikolo verkita de Petro de Belo (Aŭstralio)

La 6 ĉapeloj por pli bone pensi laŭ Edward De Bono

### Kiu estas Edward De Bono?



Edward De Bono naskiĝis en 1933 en Malto. Li sukcese studis medicinon en la universitato de Malto. Poste li ankoraŭ studis psikologion kaj fiziologion en Britujo. Li verkis proksimume 80 librojn kiuj estis tradukitaj en 40 lingvoj. En 1985 estis eldonita la libro *La 6 ĉapeloj por pensi*. La metodo de la 6 ĉapeloj estas instruita al 4-jaraj infanoj kaj al direktoroj de grandaj kompanioj interalie.

## Kio estas la metodo de la 6 ĉapeloj?

Ĉu vi jam provis fari plurajn aferojn samtempe kiel teni libron en ekvilibro sur la supro de via kapo, ĵongli per 2 pilketoj en via maldekstra mano kaj malfermi ĉokoladpakaĵon per via dekstra mano? Tre malfacile, ĉu ne? Kiam ni pensas, ni ofte provas fari tro da aferoj samtempe. Ni konsideras faktojn, ni provas konstrui logikan argumenton, ni juĝas, emocioj enmiksiĝas, ni provas havi novajn ideojn, ni pripensas, ĉu tiuj novaj ideoj vere funkcius. Ni faras ĉion pli malpli samtempe. Do ne estas mirige ke ni foje konfuziĝas. Dum aliaj kazoj unu pensmaniero tute regas, ekzemple la emocioj aŭ la negativaj opinioj tute regas kaj ni forgesas vere konsideri la faktojn.

La 6 ĉapeloj estas iloj por eviti fari plurajn specojn de pensado samtempe. Ĝi ebligas fari unu specon post la alia. En tiu metodo ni ĉiam surhavas nur unu ĉapelon. Ekzistas 6 diversaj ĉapeloj kaj ĉiu ĉapelo reprezentas alian specon de pensado. Por distingi la ĉapelojn oni uzas 6 malsamajn kolorojn. La metodo de la 6 ĉapeloj taŭgas por infanoj same kiel por plenkreskuloj. Ĝi kutime estas uzata en grupa diskutado, sed povas ankaŭ esti uzata individue.

## Kial uzi ĉapelojn?

Ĉar estas tre facile surmeti ilin kaj rapide forpreni ilin. La ĉapeloj ne reprezentas kategoriojn. Vi ne diru ekzemple “Ŝi estas verdĉapela pensanto”. La celo de la ĉapeloj estas tute alia. Ni ne devas doni etikedojn al personoj, meti ilin en precizan kategorion, sed ni devas kuraĝigi ilin uzi ĉiun pensmanieron. Kompreneble iuj personoj povas esti pli lertaj en unu pensmaniero ol en alia, sed tamen ili devas provi uzi ĉiujn pensmanierojn. Cetere oni ne bezonas uzi verajn ĉapelojn, oni povas simple diri “Nun ni imagu ke ni surhavas la nigran ĉapelon”.

En grupa diskutado oni povas peti ekzemple ke ĉiuj trapasu eble 3 minutojn provante trovi la avantaĝojn de ideo, poste ĉiuj trapasas tempon trovante malavantaĝojn. Per tiu metodo malpli da disputoj okazas, ĉar ne okazas ke unu persono volas nepre paroli nur pri la avantaĝoj kaj unu nur pri la malavantaĝoj. Membroj de la grupo ne rajtas diri “mi nun deziras surmeti nigran ĉapelon”, ili devas atendi ĝis venas la vico de la nigra ĉapelo. Tio signifas, ke ili ne rajtas tuj kritiki ideon. Nun mi pli detale priskribos la diversajn ĉapelojn.



**Blanka ĉapelo**. Ĝi reprezentas blankan paperon kun informoj sur ĝi. La foresto de koloro (blanka) montras neŭtralecon. Dum personoj surhavas la blankan ĉapelon ili konsideras faktojn, informojn, ciferojn. Ili demandas sin: Kiujn informojn ni havas? Kiujn ni ankoraŭ bezonas akiri? Kio

mankas al ni? Ĉu ni havas sufiĉe da faktoj por fari decidon? Temas pri neŭtralaj informoj. Se personoj donas malsamajn faktojn, oni ne tuj esploras kiuj estas veraj, nur poste se gravas. Oni devas diri kie oni trovis la faktojn. Estas grave aŭskulti la aliajn dum tiu parto kaj ne doni niajn emociajn reagojn. Ni donu faktojn kvazaŭ ni estus komputilo kiu ne havas emociojn, kiu ne juĝas. Oni devas atenti disigi faktojn kaj ne doni interpretadon de faktoj. En tiu parto ni tute ne provu interpreti faktojn. La blanka ĉapelo eble estus malfacila tasko por politikistoj ĉar ili daŭre donas interpretojn al faktoj, laŭ De Bono. En tiu parto vi ne donu viajn opiniojn. Se ni bezonas pliajn informojn estas grave fari demandojn, la ĝustajn demandojn, decidi ĉu ni povas trovi la informojn en libroj, surrete, ktp. En tiu parto vi ne rajtas diri "Mi havas senton, ke tiu varo bone vendiĝos". Sed vi ja rajtas diri "Mi pensas, ke tiu varo bone vendiĝos ĉar simila varo bone vendiĝis". Tiam vi ja aldonis fakton. En tiu parto ĉiuj pensas pri informoj. Ili pensas paralele kiel diras De Bono. Ĉiuj personoj rigardas en la saman direkton, al la direkto de la informoj. Ne okazas la problemo ke iuj personoj rigardas al la nordo, iuj rigardas al la sudo, kaj poste ni miras, ke ili ne vidas la samon.



**Ruĝa ĉapelo**: Ĝi reprezentas fajron kaj varmecon. Dum personoj surhavas la ruĝan ĉapelon ili rajtas esprimi emociojn, sentojn. Ili rajtas uzi intuicion. Sentoj ja gravas en pensado. Kvankam ni provas esti objektivaj multaj decidoj estas faritaj surbaze de emocioj. Sentoj estas valoraj, sed gravas ke ni rekonu ke ili estas sentoj. Problemoj okazas kiam ni ŝajnigas ke sentoj estas io alia. Intuicioj ofte estas bazitaj sur niaj spertoj. Ankaŭ intuicioj gravas. Ofte ni intuicie scias, kio estas la farenda ago. Sed ni ne povas klarigi kiel ni atingis la konkludon. Tamen intuicioj foje estas malutilaj, ekzemple en problemoj de probableco. Dum vi surhavas ruĝan ĉapelon vi rajtas diri kion vi pensas, sen bezono doni klarigon. Fakte klarigoj ne estas permesataj en tiu parto. Gravas agnoski ke emocioj ekzistas kaj ke oni rajtu esprimi ilin. Do vi rajtas diri, "mi havas la impreson ke…" Gravas, ke estu entuziasmo por ideo, se ne, ĝi verŝajne ne sukcesos, eĉ se ĝi ja estas tre bona ideo. Se ni simple demandus al iuj partoprenantoj kiuj estas iliaj sentoj, eble iuj ne tre volonte esprimus ilin, sed kiam ĉiuj surhavas la ruĝan ĉapelon ĉiuj scias, ke oni ja atendas de ili, ke ili esprimu sin. Estas pli facile peti pri la sentoj uzante la vortojn "ruĝa ĉapelo" ol peti en rekta maniero.



**Nigra ĉapelo**: ĝi reprezentas negativajn prijuĝojn, singardemon. Ni demandu: ĉu tio funkcios, ĉu ĝi estas sekura? Ĉu estos malbonaj sekvoj de tia ideo, ĉu problemoj

povus okazi, kiuj estas la riskoj? Vi devas pensi logike kaj doni kialojn. Vi kritikas. Vi montras erarojn en argumentoj, vi konsideras ĉu ĝi estas leĝe ebla, ĉu ĝi estas morale bona. Dank'al la nigra ĉapelo oni rajtas kritiki, sed ni evitas ke la kritikoj okazu dum la tuta kunveno, ja estas parto de la kunveno dediĉita al kritikoj. "Kritiko" estas vorto kiu venas de la greka lingvo en kiu ĝi signifas "juĝi". La nigra ĉapelo ja estas grava. Oni ja bezonas atenti pri malbonaj konsekvencoj de sugesto, ktp. Kelkaj personoj nomas tiun ĉapelon la malbona ĉapelo, sed ĝi vere estas bona. Ja estas bone atentigi pri la riskoj ekzemple. Tiel oni povas klopodi eviti ilin.



**Flava ĉapelo**: la flava koloro reprezentas sunon kaj esperon do pozitivajn prijuĝojn, avantaĝojn. Ni demandu: kial ĝi estas bona ideo. Kiu profitos de la sugesto, kial ĝi estas plibonigo. Ĉu ĝi ŝparigos monon? Ankaŭ tie vi devas pensi logike, vi esprimas viajn esperojn sed vi ja devas doni kialojn. Vi klarigas kial laŭ vi la ideo bone funkcios. Foje estas bonaj ideoj kiuj tamen ne fareblas pro financaj kialoj aŭ aliaj kialoj. Do gravas havi ne nur la flavan ĉapelon. Foje personoj perdiĝas en belaj revoj. La nigra ĉapelo povas atentigi pri problemoj, sed foje tiuj problemoj ja estas solveblaj. Multaj personoj pasigas pli da tempo provante trovi malavantaĝojn ol provante trovi avantaĝojn. Tiu ĉapelo certigas ke ĉiuj pasigu iom da tempo por trovi avantaĝojn.

## Diferencoj inter argumentada pensado kaj paralela pensado

Tradicie en diskuto oni kutime uzas argumentadon. Se estas persono kiu estas kontraŭ unu ideo, tiu persono kutime ne donos avantaĝojn, sed nur kritikojn. En la metodo de la ĉapeloj, ĉiuj provas trovi avantaĝojn, se unu el la personoj nenion diras, ne trovas avantaĝojn oni povus pensi ke tiu persono estas stulta. Por eviti tion ĉiuj provas trovi avantaĝojn eĉ se ili unue ne vere subtenis la ideon. Klera persono estas persono kiu trovas ion por diri en ĉiuj partoj de la diskuto.

En la argumenta sistemo vi provas venki per bonaj argumentoj atakante la sugeston de aliulo kaj defendante vian propran sintenon. En la paralela pensado vi provas elstari donante pli da eldiroj ol aliuloj en ***ĉiu*** parto de la diskuto.

Unua kazo: estas kvadrata domo. Unu persono staras antaŭ la domo, unu malantaŭ ĝi kaj 2 ĉe la flankoj. Ĉiuj kvar priskribas la parton de la domo kiun ili vidas.

Dua kazo: uzante paralelan pensadon, ili ĉiuj staras ĉe la sama flanko de la

domo kaj priskribas tion kion ili vidas kaj poste kune iras al la aliaj flankoj, ili ĉiuj priskribas la domon de ĉiuj 4 flankoj. En argumentado personoj havas kontraŭajn vidpunktojn. En la paralela pensado ĉiu persono rigardas la 4 flankojn unu post la alia, do ili komplete studas la temon. En la paralela pensado ĉiuj rigardas en la saman direkton, malkiel en la argumentada pensado en kiu ĉiuj staras ĉe alia loko. Kiel certigi ke ĉiu rigardas samdirekte? Per la ĉapeloj, se vi surhavas flavan ĉapelon vi rigardas al la avantaĝoj. En argumentado, se iu diras ion alia persono respondas al tiu eldiro. En paralela pensado oni aldonas ideojn.



**Verda ĉapelo**: la verda ĉapelo reprezentas plantojn kiuj kreskas, ekhavas novajn foliojn. Ĝi reprezentas energion. Ĝi estas aktiva, kreema pensado en kiu personoj donas sugestojn, novajn ideojn, alternativojn. Vi estas libera fari novajn proponojn, rigardi la problemon el nova perspektivo. Grava vorto estas "nova", vi aktive pensas, vi ne reagas. En tiu parto sufiĉas doni sugestojn, vi ne bezonas doni logikajn kialojn. Kun la verda ĉapelo ni provas trovi novajn eblecojn. Poste la nigraj kaj flavaj ĉapeloj juĝos. Tamen en tiu parto vi nur sugestas kaj vi ne riskas esti tuj atakita. Nur poste kiam estos la vico de la nigra ĉapelo, kritikoj povos komenci. Do tio evitas la timon, ke iu tuj diros ke via sugesto estas stulta. Reagoj eble estos malpli fortaj se ili okazas nur kvaronhoron poste ekzemple. Oni ofte konstatas, ke personoj kiuj konsideris sin kiel ne kreemaj, tamen sukcesas trovi novajn ideojn kiam ili koncentriĝas pri tiu temo. De Bono skribas, ke li ne ŝatas la eldiron ke kreemo estas speciala talento. Ĉiuj el ni povas esti kreemaj. Ne ĉiuj el ni povas venki en la Wimbledon-teniskonkurso, sed ĉiu povas iom lerni ludi tenison. Same ni povas sukcesi esti iom kreemaj. Vi ne povas postuli, ke personoj trovu novajn ideojn, sed vi ja povas postuli ke ili pasigu iom da tempo provante trovi novajn ideojn. Foje ni konstatas ke malnovaj ideoj ne plu funkcias, do estas bezono trovi ion novan, laterala pensado povas esti utila. De Bono kreis la esprimon "lateral thinking" en 1967, ĝi nun estas normala esprimo en la angla lingvo trovebla en vortaroj. De Bono ankaŭ uzas la vorton "provokado". Laŭ De Bono provokado estas eldiro kiu ne estas vera, kiel "aŭtoj havas kvadratajn radojn". La parolanto ja avertas ke la eldiro estas ne vera. De Bono sugestas ke anglalingvanoj uzu la vorton "po" antaŭ la eldiro por averti ke ĝi ne estas vera. La celo estas ke ni vidu ion alimaniere. Provokado ne celas esti uzebla ideo. Sed ĝi ja povas kaŭzi novajn ideojn. Ekzemple tiu eldiro pri la radoj povas doni la ideon de malkomforta veturo kaj doni ideojn por havi pli komfortan veturon sur malebenaj stratoj. Per provokado oni ne juĝu, sed oni moviĝu de unu ideo al alia ideo. De Bono tre insistas je tiu ideo de movo. La kapablo uzi

provokadon estas parto de laterala pensado. En matematiko se vi devas kalkuli 14 oble 15, estas nur unu solvo. Do kiam vi trovas la solvon vi tuj ĉesas pensi pri tiu problemo. En la vivo multaj problemoj havas diversajn solvojn. Do prefere oni daŭrigu pripensi eĉ post trovo de unu solvo, ĉar eble poste ni trovos pli bonan solvon. La verda ĉapelo celas instigi sugesti multajn eblajn solvojn.



**Blua ĉapelo:** Pensu pri blua ĉielo. La ĉielo estas super ĉio. Se vi estus en la ĉielo vi vidus ĉion de supre. En tiu parto temas pri pensado pri pensado, kontrolo, resumado de tio kion ni atingis La blua ĉapelo estas la superrigardo, la ĝenerala bildo La blua ĉapelo havas rolon de organizanto. Ĝi difinas la celon de la kunveno, kion ni volas atingi. Ĝi povas decidi pri la ordo de la ĉapeloj. Persono kun blua ĉapelo kontrolas kaj povas diri "Vi nun surhavas la ruĝan ĉapelon, bonvolu ne doni kialojn". Li kontrolas ke la partoprenantoj faras tion kio estas postulata laŭ la ĉapelo kiun ili surhavas, li kontrolas, ke la personoj parolas vere pri la temo de la kunveno kaj ne vagas for. La persono kun la blua ĉapelo ankaŭ rajtas decidi ŝanĝi la ordon de la ĉapeloj. Li anoncas, ke estas la vico de alia ĉapelo. Kutime estas la prezidanto de la kunveno, la gvidanto kiu surhavas la bluan ĉapelon kaj li surhavos ĝin dum la tuta kunveno. Sed ja povas esti ankaŭ partoj kiam ĉiuj surhavas bluan ĉapelon. Ĉiuj kune provas resumi tion kion la kunveno atingis ĝis tiu momento, provas konkludi. Ĝi ne estas nepre la fino, oni povas decidi reiri al la verda ĉapelo ekzemple aŭ ke ni bezonas pli da informoj. La fina decido estas farita de la prezidanto aŭ gvidanto de la kunveno.

## Kiel uzi la ĉapelojn dum kunveno?

Oni ja povas uzi ilin nur de tempo al tempo. Ekzemple dirante: nun ni koncentriĝos sur verdĉapela pensado. Ŝajne personoj malpli facile ofendiĝas se la gvidanto sugestas ke ni surmetu nun la verdan ĉapelon ol se li dirus: nun bonvolu ĉesi kritiki. Aŭ oni povas uzi ilin unu post la alia. La ordo en kiu oni uzu ilin ja povas varii de unu kunveno al alia. Oni ja rajtas uzi la saman ĉapelon plurajn fojojn. Kutime oni uzas la flavan ĉapelon antaŭ ol uzi la nigran. Estas bone uzi la verdan ĉapelon post la nigra, ĉar ja povas ekzisti nova solvo kiu evitos la malavantaĝon esprimitan dum la nigraĉapela pensado. Estas rekomendinde uzi la ruĝan ĉapelon post la nigra por ekscii la sentojn de la partoprenantoj en la diskuto. Se vi pensas, ke estas fortaj sentoj pri la temo diskutota, estas bone komenci per la ruĝa ĉapelo por ke estu klare kiaj tiuj sentoj estas. Se vi pensas, ke ne estas fortaj sentoj, tiam oni kutime komencu per la blanka ĉapelo, sekvata de la verda, de la flava kaj nigra, denove verda por

trovi ĉu estas ebleco eviti la malavantaĝojn, blua por resumi tion kion ni atingis, nigra pro finjuĝi kaj finfine la ruĝa. Je la fino de la kunveno eble ni havos ideon kiun la grupo realigos, eble estos konstato ke pliaj informoj estas bezonataj, eble ke la proponita ideo bedaŭrinde ne funkcios. La blua ĉapelo povas esti uzata ĉe la komenco por difini la problemon, por doni la ordon de la ĉapeloj, por diri kion ni celas atingi kaj ĉe la fino por resumi, konkludi, por diri kion ni atingis, ĉu pliaj paŝoj estas bezonataj. Kiom ofte oni ŝanĝu la ĉapelojn? De Bono rekomendas ke se estas 5 personoj, ili surhavu la saman ĉapelon dum 5 minutoj, se ĉeestas 10 personoj dum 10 minutoj, sed tio estas kompreneble fleksebla. Se estas multaj bonaj ideoj oni kompreneble konservu la verdan ĉapelon pli longe. Tamen oni surhavu la ruĝan ĉapelon nur tre mallonge. Ĉar en tiu parto oni devas ne doni klarigojn kaj kialojn. ĝi estas normale tre mallonga.

## Konkludo

La 6 ĉapeloj estas alternativo al la metodo diskuti per argumentado. Ĝi ebligas uzi la bonon en ĉiu persono. Ĝi ebligas ŝpari tempon. De Bono skribas, ke multaj kunvenoj daŭras multe malpli longe kiam la metodo de la 6 ĉapeloj estas uzata. En tradicia argumentado estas du flankoj, la flanko por kaj la flanko kontraŭ. La du flankoj argumentas unu kontraŭ la alia. Tio ne okazas kiam la ĉapela metodo estas uzata. Ofte je la fino de la diskuto estas evidente kiu estas la farenda decido.

Tiu metodo simpligas pensadon, ĉar vi pensas ĉiam nur pri unu aspekto.

En la eldono de la jaro 2000 de la libro *La 6 ĉapeloj por pensi* estas skribite, ke la metodo de la 6 ĉapeloj eble estas la plej grava ŝanĝo en homa pensado dum la lastaj 2300 jaroj. Antaŭ 2300 jaroj ja vivis Sokrato por kiu argumentado estis tre grava. Eble De Bono tamen iom troigas, sed certe estas interesaj ideoj en tiu metodo kaj ŝajne ĝi estis uzata kun sukceso en grandaj kompanioj kiel IBM, Siemens, NASA, ktp. Kelkaj personoj pensas, ke uzi diverskolorajn ĉapelojn estas iom infanece, sed fakte tiuj bildoj de ĉapeloj mense helpas multajn personojn pli efike pensi. La metodo emfazas tion kio eblas kaj ne kiu pravas aŭ kiu malpravas. La ĉapeloj povas esti konsiderataj kiel ludo kun reguloj. Ĝi estas tre efika maniero por ŝanĝi la konduton de personoj. Se vi surhavas la flavan ĉapelon ekzemple, vi ne rajtas kritiki.

# Edward de Bono
# Six Thinking Hats®



'We owe de Bono a debt for constantly reminding us that thinking is a skill and can be improved' Psychology Today

THE INTERNATIONAL BESTSELLER
REVISED AND UPDATED



# POEZIO

## Homo al Homo

de Jadranka Mirić (Serbio)

Homo al homo
lupo ne estas, ĉu ne?
Dankon al vi.

Mano enmane
amikecon asertas.
Aperanta flor'.

Melodi' amika,
fruktodona, predikas
pri virta fratec'.

Malkomprenemo
de niaj Samurajoj
kaŭzas malakordon.

Fihomoj ridas.
Nia konfuzo pli kaj pli
profundiĝas.

Ni brave spitis,
dividitaj atendas kiun ili
fine satkaresos.

Pli oldaj diras:
Melkas nin ili kiel
multaj antaŭe!

Tia silenta bruo
timigas streĉitan popolon.
Printempo venas.

Viciĝas tiom
da maldungitoj antaŭ
fermitaj pordoj.

Foje ŝuoj
flugis al distra voj'.
Tempo malcerta.

Trompita popol'
monton movigu. Al
justo strebas.

Ĉiel' hirtiga.
Sur detruita tombo
vakso kaj pomo.

Aŭstralio bluas
de surgrundiĝantaj
grandaj balenoj.

Savu Mondon !
Savu popolon sian !
Ho, Instruisto!

# NOVELO

## Mortis Mycroft

de Donald Broadribb

La abelisto reeniris sian domon, detiris siajn gantojn kaj protektoveston, kaj sidiĝis sur sian preferatan — kaj solan — sofon. Li klopodis pripensi la pasintajn kelkajn tagojn, kaj siajn planojn por la resto de hodiaŭ, sed laco superis lin, kaj post nur kelkaj minutoj li jam eniris revon, kiu preskaŭ estiĝis sonĝo. Iom da tempo pasis, kiom, nu ne plu scieblas. Lin vekis brua frapado sur la pordo. Lante rekonsciiĝante, li stariĝis kaj iris al la pordo, malfermonte ĝin. Sed aŭdinte lian paŝadon, la frapinto mem apertis la pordon kaj eniris.

"Ĉu Watson?" demandis iom mire la abelisto. "Nu, jes, kompreneble, Watson. Mi preskaŭ ne vidas klare, evidente mi profunde endormiĝis, post mia mielkolektado. Nu, envenu, sidiĝu, ekspiru facile, via kurado trostreĉis vin."

La gasto sidiĝis en sia kutima fotelo, kaj tuj prenis el sia poŝo koverton. Sur la koverto estis la vortoj URĜE! TRANSDONU AL VIA AMIĈJO TUJTUJE!

La abelisto prenis la koverton. "Via scivolemo ne povis atendi, evidente. Via provo rekunglui la koverton ne bone sukcesis. Sed ĉu efektive vi devis legi la enhavon dum vi ankoraŭ manĝas parte boligitan ovon? Nu, ne gravas, vi scias ke mi fidas vin. Kion vi opinias pri la pretendata urĝeco?"

Watson longe enspiris antaŭ ol respondi. Fine li sukcesis aŭdigi propran demandon. "Ĉu vere eblas? Mi ja ne renkontis vian fraton lastatempe, sed kiam mi ja vidis lin, li aspektis tute bonsana."

La abelisto trankvile prenis noton el la koverto, kaj atente rigardis ĝin. En bele formitaj majuskloj legeblis tutsimple:

DO LI MORTIS EN SIA KLUBO, FUMANTE CIGARON. NUN KIU SOLVOS VIAJN KAZOJN POR VI?

Mankis subskribo.

"Nehaste skribita," komentis la abelisto, post kurta momento. "Hieraŭ, ĉirkaŭ la tria horo posttagmeze, per metala plumo, kaj inko tre zorge sekigita per la aero anstataŭ per sorbopapero. Tre interese."

"Sed via frato, mi ne sciis ke li ekmortis. Kial vi ne sciigis min?"



Mycroft Holmes
(laŭ desegno origine farita de
Sidney Edward Paget en *Strand Magazine*
por ilustri la rakontojn pri Sherlock Holmes)

La abelisto hezitis antaŭ ol eldiri siajn pensojn. "Ankaŭ mi ne sciis. Sed sendube tio klariĝis post nelonge.

Nunmomente min pli interesas alia demando, kiel tiu anonima nekonato liverigis al vi sian leteron. Sur la koverto estas neniu adreso, neniu spuro de poŝtisto, eĉ ne fingropremaĵo, escepte de la viaj, kompreneble. Ĉu vi povas klarigi tion?"

"Mi trovis ĝin sur mia labortablo, hodiaŭ matene, supozeble li uzis gantojn kaj tial ne postlasis fingropremaĵojn."

"Sed de Londono ĉi tien inter la tria hieraŭ posttagmeze? Eĉ per trajno ŝi ne povus atingi vian domon tiel rapide. Kaj ŝi bezonus almenaŭ horon da marŝado inter la trajnostacio kaj via domo…"

"Eble ŝi uzis fiakron. Kaj kial nepre temas pri ino? Kial ni 'li'?"

"Fiakro en ĉi tiu loko? Kia fantaziaĵo! Kaj ke temas pri 'ŝi', uzu vian nazon."

Watson reprenis la koverton kaj noton kaj ekflaris. "Jes ja, tre delikata aromo de parfumo ĉe la noto. Sed mi flaras nenian parfumon ĉe la koverto."

"Ĝin tro superas la tabakodoro. Se vi devas porti tabakon en via poŝo, nepre uzu metalan tabakujeton antaŭ ol meti ĝin en la poŝon. Ĉu via edzino neniam plendis pri tio jam antaŭ nun?"

Watson iom hontete kapjesis. Klare, tamen, li opiniis ke lia edzino tro plendas pri lia malemo elspezi monon por purigi sian laborjakon.

"Nu, do, '*ŝi*', se vi insistas. Pli gravas la morto de via frato. Kaj kial tiu anonima *ŝio* uzas pri vi la karesforman vorton 'amiĉjo'?"

"Por inciti vin, supozeble."

"Min? Kiel min?"

"Viaj propraj raportoj pri nia komuna agado, tiom vaste publikigitaj kaj plu publikigataj, facile kredigus ke vi preferas akompani min kaj eviti viajn proprajn familion kaj kuracistan karieron. Sed ni ne diskutu tion nun…pli gravas reagi al tiu noto. Vi devos viziti tiun klubon en London — mi skribos por vi enirpermeson — kaj trovi ĉu, entute, Mikrofto ja vere mortis, kaj la kialon kaj la kielon — kaj senprokraste informi min pri la faktoj."

"Kaj peti la policon enketi pri la virino kiu skribis la noton?"

"Ne utilus. Mi jam scias kiu skribis ĝin, kaj kiel ĝi atingis vin. Nur la necertajn faktojn mi volas kontroli."

Watson gapis al Ŝerloko, kvazaŭ ne povante fidi siajn orelojn. "Vi jam scias?! Ĉu iel vi korespondis kun tiu ino, kaj antaŭsciis… Ne, neniel eblas. Vi nur ŝercas. Sed tute ne konvenas ŝerci kiam temas pri la morto de via frato Mycroft."

La abelisto ridetis. "Watson, mi neniam ŝercas pri tiaj aferoj. Sed uzu nur vian cerbon, almenaŭ ĉifoje! Eĉ vi devus tuj rekoni kiel mi scias kion mi scias. Sed iru nun. Se vi rapidos, vi povos atingi la solan hodiaŭan trajnon al Londono. Ne prokrastu."

Iom malvolonte, Watson marŝis al la pordo. "Se vi pruntos al mi la

malgrandan kaleŝon, supozeble mi povos trafi la trajnon. Sed mi tute ne komprenas…”

Li malfermis la pordon, eliris, kaj refermis la pordon. Dume, la abelisto prenis sian violonon, kaj komencis ludi lamentan melodion, tre bone li ludis, emociplene.

---

Je la sesa horo ptm la sekvan tagon, la abelisto aŭdis la alvenon de biciklo. Temis pri la poŝtisto, kiu portis al li telegramon senditan el London de Watson. La abelisto dankis, kaj la poŝtisto foriris.

Kun la telegramo en la mano, la abelisto residiĝis sur la sofon kaj legis:

> MYCROFT JA MORTIS TIAM PUNKTO LAŬRAPORTE PRO KORPANEO PUNKTO POLICO RIFUZAS KREDI MURDON PUNKTO PRIRIDAS LA NOTON PUNKTO KLUBO LAMENTAS PUNKTO REVENOS PER MORGAŬA TRAJNO PUNKTO WATSON PUNKTO.

La abelisto, larmante la unuan fojon en sia vivo, injektis sin per kokaino kaj prenis sian violonon.

---

Kiam la abelisto renkontis nesolveblan problemon kaj penis solvi krimkazon, li kutimis viziti sian je sep jaroj pli aĝan fraton Mycroft, kunfondinto de la Klubo Diogeno, kiu ĉiam troveblis en seĝo tie kaj neniam eliris. Sherlock Holmes komentis pri li:

“…li havas nek ambicion nek energion. Li eĉ rifuzas provi pravigi siajn proprajn solvojn, kaj preferus opiniiĝi malprava ol klopodi pravigi sin. Multfoje mi portis problemon al li, kaj ricevis klarigon kiu poste montriĝis korekta. Kaj tamen li estis tute malkapabla ellabori la praktikajn partojn…”[1]

Kiam Sherlock emeritiĝis, forlasis la detektivan profesion, kaj kiel abelisto komfortiĝis en la kamparo, li ne ĉesis viziti sian fraton en la Klubo kaj konversacii kun li, pri politikaĵoj ĉar Mycroft estis profesia konsilisto al la registaro de Britio. Kompreneble, kiam la brita Ĉefministro bezonis konsilon de Mycroft, li devis viziti lin en la Klubo, ĉar Mycroft neniam eliris.

---

Watson revenis al la kabano de la abelisto en la mateno de la tria tago. Retrajninte al la vilaĝo, li uzis la postlasitan malgrandan kaleŝon de la abelisto por hejmeniri kaj profunde eldormi sian lacecon. Nur post la matenmanĝo li entreprenis denove viziti la abeliston.

---

[1] Teksto el la novelo “La aventuro de la greka interpretisto” de Arthur Conan Doyle.

“Mi profunde kondolencas”, li diris, enirinte la kabanon. “Kaj la polico en Londono tutsimple rifuzas pripensi ke via frato estis murdita.”

La abeliso demetis sian violonon, kaj gestis al Watson ke li sidiĝu.

“Ne mirigas min, Watson,” li diris. “Mycroft certe ne estis murdita. Li mortis pro kormalsano. Jam antaŭ pluraj monatoj li kaj mi interdiskutis lian malsanon, kaj li mem antaŭdiris la precizan daton de sia morto, kvankam mi volontege kredus lin erarinta.”

“Do la noto ne surprizis vin!?” Watson diris. “Sed kial tiom da mistifiko? Kaj kiu estis la virino sendinta la noton, kiel ŝi liverigis ĝin al mi; kaj plejgrave, kiel vi sciis la detalojn jam je la momento kiam mi portis al vi la skribaĵon?”

“Watson, Watson, ĉu eĉ la plej elementan parton de ĉio ĉi vi ne rimarkis? Uzu vian nazon, ‘amiĉjo’!”

“Mian nazon? Kion vi celas diri?”

“Jen tiu fifama noto. Flaru ĝin denove, kaj memoru kion via edzino diris al vi pri via tabakujo.”

Watson prenis la noton, kaj zorge flaris ĝian odoron. “Jes, mi jam komence agnoskis la parfumon. Kiel rilatas al ĝi miaj tabako kaj poŝo?”

“Kiel odoras via edzino, do?”

“Kiel odoras…? Nu, kompreneble ŝi uzas parfumon. Mi aĉetas por ŝi botelon da Yardley kiam ajn mi iras al Londono.”

“Watson, kiel nomiĝas la parfumo sur la noto?”

“Kiel ĝi nomiĝas? Yardley, kompreneble. Mi bone konas ĝin. … Ĉu vi volas diri ke mia edzino mem skribis la noton?”

“Kiu alia, do? Ŝia skribmaniero estas facile rekonebla, ankaŭe.”

“Sed kiel ŝi veturis al London sen mia scio, kaj revenis dum tiel kurta tempo.”

“Ŝi ne bezonis Londonon iri. Ĉu vi ne mem komunikis al mi per telegramo?”

“Jes, sed … Ĉu vi diras ke iel Mycroft, je sia morto, sendis telegramon?



Sherlock Holmes
(desegno de Sidney Paget, 1904)

“Evidentas ke ne. Sed kiam mi lastafoje vizitis lin, ni aranĝis ke je lia morto, la Klubo pertelegrame informos vian edzinon. Kaj ŝi skribos tiun noteton, kiun vi portu al mi. Mi diris ke pli facilus pertelegrame sciigi min rekte, sed Mycroft volis iom ŝerci je vi. Li vetis ke vi farus el la afero fantazian imagaĵon, kaj tion vi ja faris. Kaj li kaj mi profunde konis vian nekapablon solvi eĉ plej simplan enigmon.”

“Holmes, vi tre malinde insultas min.”

“Sendube vi publikigos la tuton kiel aldonon al viaj verkoj pri mi kaj miaj krimkazoj. La tantiemo bone kompensos vian senton de insultiteco.”

# Solvo de la enigmoj sur paĝo 16

*Vokala ŝanĝo:*

*Ne maldecaĵo*
*sed*
*reala vivo*
*tion ĉi sugestis:*
*f***E***κι*
*f***I***ki*

*Fierema fortikulo:*

Solvo:
***La pugno***

*La espero:*

Solvo:
***La hejmŝlosilo***

*Tricifera sumo*:

Solvo:
La nombroj estos:

La anstaŭontaj nombroj povas esti nur: 2, 4, 5, 6, 7, 8, 9.

A ne povas esti 2, ĉar ĉikaze B (en la dua kolumno) devus esti 0, kaj tio laŭregule ne eblas.

A povas esti nek 4, nek 5, nek 6, ĉar ĉikaze C estus 7, respektive 8 kaj 9 ĉar, kun rezulto B ducifera (en la unua kolumno), la tuta sumo estus kvarcifera kaj laŭregule tio ne eblas.

A ne povas esti 8: ĉikaze C (en la tria kolumno) estus 1 kaj tio ne eblas, laŭregule.

Do, A devas esti 9: ĉikaze (en la tria kolumno) C estos 2 kaj (en la unua kolumno) B estos 6. Sekve la tuta sumo rezultas ĝusta ĉar (en la dua kolumno) A = 9.

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla per peto aŭ senpaga abono ĉe la URL <mirmekobo@mac.com>, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per via legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Tamen, se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari senpage.

La revueto Mirmekobo estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturaĵoj: noveloj, poemoj, prozaĵoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiaĵoj; prezento de interesaj hobioj; biografiaĵoj, aŭtobiografiaĵoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnaĵoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos.

Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuaĵon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Represo de kontribuaĵo estas permesata, se permeson konfirmas ĝia verkinto. Malnovaj numeroj de *Mirmekobo* troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo.

***Ni atentigas ke la URL de la retejo de la redakcio,*** kie oni povas elŝuti ekzemplerojn, estas:

http://web.me.com/donbroadribb1/donbroadribb1_Mirmekobo/

Redaktoro: Donald Broadribb
Adreso por ĉiuj komunikaĵoj, por peti ekzempleron, por sendi kontribuaĵon:
mirmekobo@mac.com